# LA GAZETO


# ENHAVO



## JUBILEA ESPERANTO - KONFERENCO EN GRAZ :
## 100 JAROJ DE ESPERANTO EN 22 LEKCIOJ!
## LUKTO POR LA KVALITO: LITERATURA FOIRO-KOOP


**numero 7.** **1a de la 2a jaro** **15DEC86**

**LA GAZETO**
sessemajna kleriga periodaĵo de la
**MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ**
por disvolvigo de la esperantista kulturo

Eldonas
ESPERANTO-MFKA-METZ

Redaktoro
Eugène de Zilah

Redakta Komitato
MFKA - 002 - METZ

Fotisto
Edgar de Zilah

Makedisto
Pascal Block

Adreso de la redakcio
LA GAZETO
39, rue Joseph Hénot
F-57070 METZ

Abonoj ĉe:
**CLUB D'ESPERANTO DE METZ,**
MCL, 36 rue St-Marcel
F-57000 METZ
poŝtĉekkonto : 762 79 P NANCY

Se vi ne povas poŝte ĝiri, aŭ sendi poŝtmandaton bv. skribi al la redakcio, ni klarigos al vi, kiel oni povas aboni el via lando.

Jarabono
6 sinsekvaj numeroj : 13 ekuoj
Vi povas komenci la abonon
iam ajn
La Gazeto ne aperas dumsomere

Anoncoj
1/4 da paĝo = 40 ekuoj
1 preslinio = 1.50 ekuoj

Recenzoj
bonvolu sendi po du ekzemplerojn de la recenzotaĵoj al la redakcio

PRI LA STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ
ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

*PERANTOJ*

***Aŭstrio :*** *D-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, A-8020 Graz. — Poŝtkonto : Graz 1257.845; jarabono : 191 ŝilingoj.*

***Britio :*** *Geoffrey KING, 228 Capworth Street, GB-London E10 7HL jarabono : 9.3 pundoj.*

***Bulgario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 6 levoj.*

***Ĉeĥoslovakio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 38 kronoj.*

***Danio :*** *Eldonejo PERSPEKTIVO, Norregardsvej 91, DK-2610 Rodovre. — Poŝtĉekkonto : 9 32 95 95; jarabono : 102 danaj kronoj.*

***Francio :*** *Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St-Marcel, F-57000 Metz — Pĉk : 762 79 P Nancy; jarabono : 89 francaj frankoj.*

***F.R. Germanio :*** *Rudolf HELMKE, Wiesenstrasse 9, D-4773 Möhnesee-Günte — Konto n° 31 377 450 Sparkasse Möhnesee (BLZ 41451485); jarabono : 25 germanaj markoj.*

***Hispanio :*** *Luis HERNANDEZ-YZAL, Banka Mas Sarda: 19000 669/2, Vilafranca del Penèdes (Barcelono), Avenda de Barcelona 35; jarabono : 1800 pesetoj.*

***Hungario :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 310 forintoj.*

***Italio :*** *Enrico MINGO, Via Simone Martini 22, Isolato 19, I-80128 Napoli; jarabono : 17300 liroj.*

***Jugoslavio :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato ĉe : „Voĉo de Handikapuloj", Duŝan ADNADJ, Ŝkolska ul. 25, YU-56227 Borovo; jarabono : 2900 dinaroj.*

***Luksemburgio, Belgio :*** *Albert WICKLER, 1 rue de Kehlen, L-Olm. — Poŝtĉekkonto : 54175-49; jarabono : 567 belgaj frankoj.*

***Norvegio :*** *ESPERANTOFORLAGET A.S., Olaf Schous vei 18, N-0572, Oslo 5, poŝtĉekkonto: 5100 318; jarabono : 99 norvegaj kronoj.*

***Pollando :*** *tra la abonhelpa fonduso kun 50% rabato; jarabono : 1300 zlotoj.*

***Svedio :*** *Gösta PERSSON, Buntmarkaregatan 1, S-25248 Helsinborg. — Ĝirkonto : 434 1664-3; jarabono : 93 svedaj kronoj.*

***Svisio :*** *KCE, CH-2301 La Chaux-de-Fonds — Poŝtkonto : 23-2921; jarabono : 22.70 svisaj frankoj.*

*Por pagi tra **la abonhelpa fonduso** bv. skribi al LA GAZETO*
Aperdato de la venonta numero : 31JAN87

Directeur de la publication : Madeleine de Zilah
Imprimé par RAPID'IMPRESSION, 2 rue de la Côte, F-57050 Metz
Dépôt légal : L1 - 1979/85

# FOR LA HIPOKRITECON!

Kial ne diri tuj, ke la problemo aliĝi al jubilea Esperanto-aranĝo estas por la plejparto da esperantistoj morala problemo. La „tro premaj sentoj" direktigas nian rigardon al Varsovio, kie vivis la aŭtoro de Esperanto, kaj lancina honto forturnigas ĝin. Ni estas kvazaŭ ni volus mortigi amikon por amori kun lia edzino. La racio kaj la moralo ordonas forkonfesi nian emon, sed nia kota parto alkroĉiĝas al sia karnopeco. Ni do devige trovas „raciigojn" al nia emo, tio estas, ke dezirante iri Varsovion, por tie troviĝi en la jubilea varmo de miloj da samideanoj, ni volas pruvi al ni mem, ke ni agadas laŭ interesoj de Esperanto : racie, bone, solidarece.

Ni diras, ke ne gravas al ni la politika reĝimo de la gastiga lando, ĉar ni iras ĉe Esperantistojn, ne ĉe ilian registaron. Tio ja estus vera, se la samideanaj grupoj ne dependus de siaj politikaj institucioj. Certe troigas tiuj, kiuj diras, ke ne estas diferencoj inter la nuntempa Pollando kaj Germanio en la 1930aj jaroj. Ĝis nun oni ne torturadis ĝismorto tro da sindikatistoj, pastroj aŭ aliaj idealistoj en tiu sovetiisma lando. Apenaŭ kelkaj miloj estis en karceroj pro siaj opinioj kaj neniu estis ekstermita en gasĉambro. Sed ĉu la situacio estis tre malsimila en Germanio, en 1933a, kiam klarvidaj Esperantistoj jam antaŭdiris, kio okazos poste, kaj klopodis minimumigi la universalan kongreson de Kolonjo? Jes, sed ni volas iri Pollandon por renkonti niajn samideanojn. La neŭtrala Esperanto-movado ne enmiksiĝas en internajn aferojn de naciŝtatoj. La polaj esperantistoj certe ne respondecas pri la reĝimo, kiun la „Akordoj de Jalto" altrudis al ili. Ni ja kongresis en Hispanio, kiam tie




*Chirico : Nulla sine tragoedia gloria.*

---

**FELIĈAN, SUKCESPLENAN NOVJARON 1987-an DEZIRAS AL VI LA GAZETO.** Ni sendas al vi donace duan kajeron 7an, esperante plaĉigi Vin. Kia pli bela novjara, kristnaska, jubile-jara donaco al unu el viaj amikoj aŭ korespondantoj, ol abono al LA GAZETO? Kia pli amika servo ol konigo de periodaĵo, kiu estas unika fenomeno en la Esperanto-Movado?

Se via adresetikedo indikas **„ĜIS N° 7"**, vi ĵus ricevis vian lastan numeron de LG. Se vi volas eviti kromajn elspezojn estu afabla poŝte ĝiri al la poŝtĉekkonto **n° 762 79 P NANCY** de CLUB D'ESPERANTO DE METZ la egalvaloron de 13 ekuoj (89 francajn frankojn). Se vi sendas monbiletojn je pli aŭ malpli granda sumo, ĉar tiel agi estas pli komforte por vi, ne tro gravas, ni kalkulos por vi abonperiodon laŭproporcian. Ni kompreneble akceptas kaj dankas kontribuon al nia **ABONHELPA FONDUSO,** kiu ebligos al samideanoj el neriĉaj landoj aboni kaj ni danke ricevas ĉiun subtenon, eĉ plej etan, kaj ni antaŭdankas la donacontojn.

**ABONHELPA FONDUSO**

por helpi niajn samideanojn el kelkaj landoj legi LA GAZETO-n ni danke akceptas eĉ la plej malgrandajn monsumojn. Ni dankas al :

| | | | |
|---|---|---|---|
| S-ro | GUNKEL | D | 7.35 EKs |
| S-ro | THIERRY | F | 14.70 EKs |
| D-ro | VEDRINE | F | 7.35 EKs |
| Prof. | LAPENNA | GB | 51.35 EKs |
| S-ro | CROCHET | F | 22.00 EKs |
| S-ino | MULLER | F | 29.35 EKs |
| S-ino | LE CORGNE | F | 2.95 EKs |
| S-ro | PERAIRE | F | 2.95 EKs |
| S-ro | SCHEFFER | F | 8.80 EKs |

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

regis diktatoro. Ja, ni kongresis en Hispanio, en 1968a, sed niaj programoj kaj la landa invitinta asocio estis liberaj. La tiama prezidanto de UEA, prof. Lapenna, eldiris, cetere, solenan paroladon kies temo estis la homaj rajtoj, netotale respektataj en la tiama Hispanio. Li volus eldiri la saman paroladon en Varsovio dum la venonta UK. Ĉu oni tion permesus al li? Estus hipokrite jese respondi.

Eble oni tamen povus flatete paroladi en Pollando kaj turismi senprobleme, ni ja bone scias, ke **oni toleras nin nur pro turismaj kialoj.** Sed la problemo ne nur estas kongresi en totalisma lando. Aldoniĝis la problemoj de Pola Esperanto-Asocio, kies loka kongresa komitato devis organizi la Jubilean Universalan Kongreson. Ĉi tiuj kuraĝaj homoj volis elmontri, ke la Esperanto-etiko tamen vivas en Pollando. Aliaj esperantistoj (ni devas diri senhipokrite la veron!) denuncis ilin pro opinio nekonformeca al la politika linio de la registaro. Ili estis forigitaj, kaj „komisaroj" anstataŭas ilin. Ĉu ĉeesti kongreson organizitan de ĉi tiuj homoj ne estus aserti, ke ni rekonas la rajton al partipolitikaj ŝtataj instancoj enmiksiĝi en la aferojn de Esperanto-organizaĵoj? Ĉu ĉeestante ni ne apogus esperantistojn, kiuj denuncis Esperantistojn? Ĉu ni vere volas klare proklami antaŭ la mondo, ke ne ekzistas solidareco inter esperantistoj?

Nu, eble estas esperantistoj, kiuj tiel opiniadas. Sed kion ili opinias pri la kontraŭesperantisma propagando, laŭ kiu Esperanto estas komunisma afero, ekzistanta nur en sovetiismaj landoj? Se dum la tuta jubilea jaro nenio vere granda okazas en liberalaj landoj, ĉu ni faros ion por Esperanto en ĉi tiuj landoj? Bonvolu pripensi kian reklaman efikon havis la grandega Budapeŝta UK en la okcidenteŭropaj landoj? Kiuj okcidenteŭropaj amaskomunikiloj parolis pri ĝi? Preskaŭ neniuj!

Dek kongresoj kun po 300 ĉeestantoj efikas pli ol unu kun 3000 turistoj. Kongresi en Pollando, kaj nur en Pollando, estus ĉiumaniere, eĉ se ne ekzistus la elditaj problemoj, grava taktika eraro, ĉar oni bagateligus per tio la Jubilean Jaron de Esperanto preskaŭ ĉie. Kaj en Pollando mem, kio restos post la Jubilea UK? Eble kelkaj stratnomoj kaj la honto! Ĉu la denuncintoj de siaj samideanoj povis aĉeti ion daŭran dank'al siaj 30 denaroj? Eble ili eĉ ne ekhavis 30 denarojn por starigi malgrandetan monumenton laŭ la stilo „socialisma realismo". Restos la sento de la pola esperantistaro, ke la esperantistoj de la mondo malkonfesis la idealon de la antaŭa estraro de PEA, kiu, se oni bone prikonsideras ĝin, estis **la Zamenhofa idealo de Esperanto.**

Niaj turmentoj ankoraŭ ne finiĝis! Se malgraŭ la morala apogo al puĉa totalismo, se malgraŭ la naŭzo antaŭ denunco de siaj samideanoj, se malgraŭ la propagando kontraŭ Esperanton, kiu estas tia kongreso, se malgraŭ ĉio ĉi ni tamen volas veturi Varsovion, ni devas memori, ke ni iros tien sen la organizaĵo de laboristoj esperantistaj, sen Sennacieca Asocio Tutmonda, sen tiuj, kiuj eldonis la Plenan Ilustritan Vortaron, kiun vi certe kunportos, sen la plej bonaj inter ni. Friponoj malhoneste propagandas al vi : „venu Varsovion dum la jubilea jaro, por elmontri nian sanktan verdan unuecon"!

**KIAN UNUECON?**

SAT volis unuece kongresadi dum la jubilea jaro en Pollando, sed la komisaroj postenigitaj en la estraron de PEA malinvitis ĝin. Do ĝi kongresos, eble, en **Bulonjo-ĉe-Maro (F).**

NEM kaj ĉiuj Esperantistoj fidelaj al la Zamenhofa idealo, neniam volis jubileumi en ununura lando kaj ili provis kunordigi diversajn gravajn aranĝojn dum la jubilea jaro. La regemo de tiuj el UEA ne povis akcepti ne monopoligi la jubileon de Esperanto. Rezulte la Esperanto-organizaĵoj, kiuj ne estas sub sovetiisma influo, decidis por ke restu tamen io post la jubilea jaro starigi monumenton al Esperanto okaze de **JUBILEA ESPERANTO-KONFERENCO en GRAZ (A).** Sekve : neniam ekzistis unueca opinio pri la solenado de la jubilea jaro, ekzistis nur totalisma volo de UEA.

Nu, kion fari? Estas morala devo de ĉiu esperantisto partopreni iun solenan aranĝon dum la jubilea jaro. Tiuj, kiuj tute ne hontas, aŭ tiuj, kiuj ne rajtas fari alimaniere, iros tamen Varsovion. Eble, por senpezigi siajn konsciojn, ili tamen sendos kelkajn ekuojn por la starigo de la monumento en GRAZ. Tiuj, kiuj hontas iomete pro la Varsovia fuŝaĵo, sendos monon por la monumento aŭ ĉeestos ĝian inaŭguradon en GRAZ, kaj poste enŝteliĝos Pollandon. Tiuj kompatinduloj, kiuj havas tro da honesto, sendos siajn ekuojn por la starigo de la monumento kaj ĉeestos SAT-kongreson en Bulonjo-ĉe-Maro aŭ la JUBILEAN INTERNACIAN KONFERENCON de la Esperantistaro, en GRAZ.

*Eugène de ZILAH*

**Jubilea Esperanto-Konferenco en Graz**
**de la 18a ĝis la 25a de julio 1987a**

# LETEROJ



## SOLVOJ EL LG-6

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | M | A | D | A | G | A | S | K | A | R |
| 2 | E | D | I | T | O | R | ■ | A | M | E |
| 3 | L | E | D | ■ | T | A | O | ■ | U | F |
| 4 | K | L | A | R | O | S | K | U | R | O |
| 5 | I | ■ | K | E | ■ | ■ | A | Z | A | R |
| 6 | C | I | T | A | Ĵ | ■ | R | U | ■ | M |
| 7 | E | K | I | ■ | E | M | I | R | ■ | A |
| 8 | D | O | K | T | R | I | N | ■ | A | C |
| 9 | E | N | O | ■ | Z | E | ■ | E | L | I |
| 10 | K | O | N | V | A | L | E | S | K | O |

### SOLVO DE LA ŜAKPROBLEMO „ŜPB-6"

**1.** - La blanka turo flankeniras (tA5-B5) kaj lasas la blankan damon matminaci : se ĝi mortigus la peonon sur A2, tiam ?dA8x-A2, mato. La nigra turo ne plu povas ŝaki desur B1, ĝi iras protekti la peonon sur A2 (tC1-C2).

**2.** - La reĝo blanka lasas liberan vojon al sia damo (?dA8-G8, mato) irante sur A7 (rB8-A7). La nigra turo malhelpas la damon iri sur G8-an (tC2-G2).

**3.** - La blanka reĝo nun iras sur B7-an (rA7-B7) por devigi la nigrularon modifi sian situacion, ĉar ĉiu movo estas mortiga por ili.

**4.** - Estas 5 eblecoj : **a)** se la nigra turo ludas horizontale, tiam dA8-G7, mato; **b)** se la nigra turo ludas vertikale, tiam dA8x-A2, mato; **c)** se la nigra peono C3-C2, tiam dA8x-A2, mato; **ĉ)** se kA1-B2, tiam dA8x-A2, mato. d) se la nigra turo sur C6 nun moviĝas, tiam la blanka reĝo liberigas la vojon al sia damo por matigi.

---

**gratulojn al la solvintoj de la kruc-vortenigmo:**
**s-ino A-M Maillot (F),**
**s-ro M.R. Andersen (DK),**
**s-ro L. Persson (S).**

*S-ro Juan Navareño, (E)*

*Via revuo plaĉas multe al mi speciale la artikoloj viaj kaj de Walter Zelazny, kaj mi kredas, ke ĝi faras grandan servon al Esperanto, disrompante la kutimajn tabuojn, kiuj ne permesas diri ion kio ne estu flatema por la „aparatuloj". Mi sendis leteron al „Horizonto" por „Lingva angulo" favore al uzo de la prepozicio FAR /.../. Prof. Lapenna publikigis nur la leterojn, kiuj estis favoraj al lia ideo, sed la mia estis tabuita. Same okazis al artikolo, kiun mi sendis al „El Popola Ĉinio" pri la uzo de prepozicioj AL kaj DE. Al la pasinta UK mi sendis al la Prezidanto de la Akademio koverton enhavantan 40 fotokopiojn pri la uzo de DE post substantivoj derivitaj de verboj, kiu estis la temo de la kunigo de la Akademio, por disdoni al la ĉeestantaj Akademianoj. La Sekretario skribis sur la koverto,* **ke li ne** *kutimas disdoni al la Akademianoj paperojn kiuj ne estas de alia Akademiano, sed ke tamen mi povas sendi ilin per poŝto, kaj redonis ilin al la kongresano, kiun mi petis porti ilin. Antaŭ la Kongreso mi sendis al la du hispanaj Akademianoj la saman skribaĵon kaj ankaŭ ili silentis. Mi ne povas kredi, ke tiaj personoj, kiuj amas la cenzuron kaj la tabuojn dezirus la homan interkomunikadon. Tamen ni tute ne samopiniaş. Por mi Esperanto estas nur lingvo, kiu taŭgas por esperimi* **ĉiujn ideojn.** *La ideoj apartenas al la personoj kaj ne al la lingvoj kaj oni ne rajtas atribui ilin al Esperanto uzante la sofismon : „mi estas (bona, kompreneble) esperantisto, ĉiuj esperantistoj estas samideanoj, do, ĉiuj esperantistoj devas havi la samajn ideojn, kiel mi". Tio ne rilatas al vi, sed al la mal-toleremaj esperantistoj, kiuj bedaŭrinde abundas.*
*Pri via artikolo POR AŬ PER en kiu vi supozas, ke tri laboristoj diskutas pri profesiaj, sindikataj ktp problemoj, mi povas atesti pri la vero de viaj supozoj. Mi ĉeestis apud la Nigra Maro en Bulgario kun laboristoj devenantaj el 16 eŭropaj landoj, sed ne en kampadejo; estis dum fervojista esperanta kongreso kaj okazis ekzakte kion vi diris, nur aldonante : „ŝŝŝ... parolu mallaŭte, ne aŭdu nin iu". Mi opinias, ke same okazos en Varsovio, dum la UK kaj ke, ĉar la komunistoj povas tute libere propag-andi en la demokratiaj landoj, la propagando nur efikis kontraŭ ilin, ĉar ni jam estas vakcinitaj kontraŭ komunismo.*
*Alia afero, ĉu vi kredas, ke se la diskutado inter la supozitaj laboristoj okazus ne en Esperanto, sed en la franca (aŭ alia) lingvo, la rezulto ne estus la sama?*

**LG :** Jes ja, se laboristoj interparolus en ajna lingvo ili certe diradus same, sed mi ne opinias, ke multe da laboristoj havas la tempon ellerni etno-lingvon, kies ellernado postulas de dekoble ĝis





dudekoble pli da tempo ol la alproprigo de nia Esperanto. Pro ĉi tio cetere, ke ni ne tro emas uzi la neologismon „far", ĉar se ĉiu aldonas nur po unu radikon al la jam ekzistantaj, nia lingvo fariĝos multe pli malfacile lernebla ĉefe de simplaj homoj. Aldone oni ĉiam povas elturniĝi helpe de „fare de...". Kiam la plejmulto de bonaj verkistoj uzos la vorton „far...", ni ankaŭ ekuzos ĝin. Kompreneble ni ne povas scii, kio okazis al via letero en la redaktejo de HORIZONTO, sed ĝis nun neniam prof. Lapenna flankenmetis unu el la niaj. Eble eraro...?

*S-ro **Mogens Rude Andersen, (DK)***

*Ĉiam kun granda plezuro mi malfermas LG-n. Ĝi enhavas multajn bonajn artikolojn kaj komentojn. Al ĝi mi deziras longan kaj fruktodonan vivon.*
*Bedaŭrinde **LG** ne ĉiam alvenas en tre bona stato. Mi preferus ricevi ĝin en koverto same kiel la revuon „Horizonto". Sed kompreneble pli gravas la enhavo ol la aspekto.*
*Mi devis uzi kelkajn horojn por solvi krucvortenigmon KVE-5. Ofte estis tre necese konsulti PIV.*

**LG** : Ni ĝojas, ke ni povis kontentigi vin. Certe vi konstatis, ke **LG** alvenas nun en koverto, kaj espereble en bona stato. Vi bone solvis la krucvortenigmon KVE-5, sed bedaŭrinde la hazardo ne volis, ke vi gajnu premiolibron. Eble venontfoje...

*S-ro **Chris B. Vos (S)***

*Mi ricevis **LG**-ojn kaj konstatis, ke vere via gazeto estas tre leginda kaj valora, ne nur dank' la debatantaj legantoj, per la leteroj, sed speciale ankaŭ la redakciaj artikoloj de s-ro E. de Zilah.*
*Jam mi pagis la kotizon por du jaroj al via peranto G. Persson.*
*Tamen mi havas du rimarkojn pri la ricevintaĵoj. La n-ro unu de **LG** mankas kaj en la dua n-ro estis eltondita kvadrato el la paĝoj 11 kaj 12 (vidu sur la kopio la ruĝajn markitajn lokojn). Se vi ankoraŭ havas tiujn n-rojn mi volonte ricevos ilin, sed mi ankaŭ estos kontenta ricevi kopiojn de la paĝoj mankantaj.*
*Salutas vin elkore kaj deziras sukceson al vi por via laboro.*

**LG** : Dankon pro via laŭdo. Ni bedaŭras, ke vi ricevis difektitan numeron kaj ni esperas, ke vi jam ricevis nian sendaĵon anstataŭigan. Ni pardonpetas.

*D-ro **A. Mathé**, vicprezidanto de Hungara Esperanto-Asocio.*

*Elkore mi gratulas vin pro la plej freŝa n-ro (5) de via **LG**. Speciale mi ĝojis, kiam mi tralegis la intervjuan artikolon pri mia amiko Luis Hernandez Yzal. Mi, kiu ekde 1970 konas lin kaj lian edzinon povis konstati : brila, trafa kaj interesa estis la intervjuo. Mi jam havis la honoron dufoje enprofundiĝi en la valoraĵojn de la Muzeo : laŭ mi la statistiko estas malnova, ĝi havas iom pli da periodaĵoj, ol estas menciite.*
*Ankoraŭfoje dankante vin pro la aperigo de tiel grava artikolo, samideane vin salutas...*

**LG** : Jes, la publikigitaj statistikoj estis iom malnovaj, sed ankoraŭ ne ekzistis aliaj. Ni kompreneble korektos ilin tuj, kiam alvenos novaj. Ni multe ĝojas, ke vi interesiĝis pri ni, kaj esperas, ke baldaŭ multe da hungaraj fakgrupoj aliĝos MFKAn, kiel jam faris kelkaj fakgrupoj el socialismaj landoj, ekzemple BULGARA EKOLOGIA SOCIETO, MFKA-016.




## NOVA SENTO

Aperis en aŭtuno 1986a la unua numero de NOVA SENTO, oficiala organo de HOMARANISMA ASOCIO (**HA**) /MFKA-014/. Ĝia provizora redaktoro estas **H. Welger, Bismarckstr. 28, en D-3550 Marburg (Bonn-regno),** la nuna prezidanto de la asocio. Ĉiuj, kiuj interesiĝas pri homaranismo, aŭ pri homaranaj temoj, skribu rekte al s-ro WELGER. La homaranismo estas la baza ideo de Zamenhof, ĝi celas nome la forigon de la interreligia malamo dank'al enkonduko de nova esperantisma moralo, bazita sur la respekto de ĉies religiaj konvinkoj. La unua cirkulero enhavas la nomojn de la estraro de HA. Estas prezidanto : Helmut Welger, vicprezidantoj : Martina Sachs, Ingeborg Weigelt, kulturaj konsilantoj : d-ro Wolfgang Ehrenberg, Claude Gacond, d-ro Albert Goodheir, Ursula Grattapaglia kaj d-ro Eŭgeno de Zilah. La abonkotizo estas 40% de la kotizo de MA de UEA (nun kiom? ni ne scias, ĉar la kotiztabelo ne estas en la UEA jarlibro, kie oni diras, ke ĝi estas en la oktobra numero de la oficiala organo de UEA, sed kie estas la oktobra numero? Ĉu ĉiu homaranisto devas ĝin aboni? Diable, ĉu estas devo homarana tiel ligi sin al

organizaĵo?), la junuloj malpli ol 26jaraj pagas la duonon.
La unua jara ĉefkunveno de homaranistoj okazis **sabaton, la 13-an de decembro 1986a**, je la 16a horo en la sidejo de INFORM-SERVO, Bismarckstr. 28, en D-3550 Marburg, okcidenta Germanio, kies homaranisma nomo estas BONN-REGNO. La NOVA SENTO publikis la nomojn kaj adresojn de cento da homaranistoj el 25 regnoj.



# EKUMENISMO

Jen do, mi havas en la manoj la posteulon de BIBLIA REVUO, ĝia nomo estas EKUMENISMO. Temas pri revueto en tre racia vesto nigra-blanka, kun ne tre utila ruĝeska koloraldonaĵo sur la unua paĝo, sur kiu troviĝas la nomoj de la respondeculoj pri "direkcio" (prof. Angelo Duranti), "redakcio" (Sr. Mary Thenguvila), "administracio" (Lbr. Antonio Gambuti), "eldonado" (Tutmonda Ekumena Ligo) kaj aldonaj informoj pri "lingvo" (Esperanto), "jarabono" (En Italio : ls 10000, Eksterlande : USAs 6 aŭ egalvalora nacia mono*, "unuopa numero" (ls 2500, USAs 1.80). La logoo de TEL (Tutmonda Ekumena Ligo) estas banala el grafika vidpunkto, ĝi estas projekciaĵo de la globo (aŭ de la spegula duonsfero) kun strioj kaj tri literoj **T-E-L**. La formato estas je 15.7 x 21 cm, la marĝenoj estas je 2.5 cm. La kompostado kaj la presado estas bone prizorgitaj. Sur unu paĝo ĉ. po 2100 pressignoj trovas siajn lokojn. (Kompare, sur paĝo de **LG** estas po 5500 pressignoj).
"Grava dokumento", almenaŭ tiel titoliĝas artikolo sur la 7a paĝo de la 1-a numero, informas nin, ke TEL estas kunlaboranta kun UEA en la kategorio "n a ŭ t r a l a" kio ja estas grava informo, sed ĉu ĝi signifas "neŭtrala" aŭ "neneŭtrala"? En la "grava dokumento" la celo de TEL estas difinita jene : „Esti kerna unuiĝo inter ĉiuj religiaj instancoj kaj membroj el la tuta mondo en serĉado de vera kredo por la homaro". Ja, tio estas sublima celo, sed ĉu oni povas supozi, ke katolikaj pastroj kaj gemonaĥoj, en la redakta stabo de EKUMENISMO, ankoraŭ ne trovis „veran kredon"? Aldone ni ne bone komprenas, certe pro manko de religia kulturo, kio estas "religia membro". La revuo havas 16 paĝojn inkluzive la kovrilpaĝojn. La unua numero enhavas, krom la "grava dokumento", alvokon al la legantaro de la "direkcio", Prof. Angelo Duranti (5 paĝoj) kaj artikolon 3-paĝan de Arielle Colombin : „Espero — teologia virto" (kaj ĝi certe povas esti tia, ĉar ni jam sciis, ke en la katolika teologio ĝi estis „teologiala virto"), kiu klarigas al ni, ke la „Esperantistoj faras de la virto Espero specifan vivmanieron". La artikoleto estas plaĉa kaj tre edifa. Poste sekvas "lastaj novaĵoj", ĉiuj pri kristanismo, en kiuj ni ellernas, ke en Nepalo la konvertiĝo al kristanismo kostas 1 jaron en malliberejo, kaj varbi aliajn kristanojn 7 jarojn, ke en Albanio „ĉia religia aktivado estas malpermesata, la kultejoj detruitaj, la ritaj signoj forigitaj kaj kelkaj pastroj mortpunitaj pro tio, ke ili donis sakramentojn."
La dua numero entenas artikolon de Arielle Colombin : „La kruco" (kristana, evidente!), aliajn "gravajn dokumentojn", leterkeston, kiu enhavas la trafan demandon de p-ro B. Eichkorn : ĉu TEL „anstataŭas la ĝisnunan societon IABO (= Internacia Asocio de Bibliistoj kaj de Orientalistoj). Ŝajne EKUMENISMO publikas la leterojn, sed ne respondas al ili. Ankaŭ mi (kiel orientalisto) estas membro de IABO, kaj neniu demandis min, ĉu mi volas la ĉeson de IABO.
La tria numero entenas **elstaran teologian artikolon de P-ro Kazimiro Tuszynski : „La Bultmana postulo senmitigi la novan testamenton"**, sekvita en la kvara numero, de la iom malpli elstara : „Katolika kritiko de la Bultmana postulo senmitigi la novan testamenton" de la sama aŭtoro. Ĉiuj numeroj entenas 4-5 enkadrigitajn edifajn citaĵojn, neniel rilatantajn al la artikoloj, similaj al tekstoj de sanktaj bildkartoj, kiujn oni forgesis en la meslibro de sia unua komunio.
Entute la periodaĵo estas plaĉa kaj certe interesos ĉiujn, kiuj zorgadas pri kristanismo, sed ĝi ne anstataŭas la BIBLIA REVUO-n malaperintan kaj ĝi estas "ekumena" nur al kristanaj religioj.

** Oni ne bone vidas kial la eldonanto utiligas usonajn dolarojn anstataŭ la pli internacian Eŭropan ekuon, des pli, ke la kurzo de dolaro tre draste variadas. Jam hodiaŭ la prezo de EKUMENISMO estas por Italoj 6.94 ekuoj kaj por neitaloj 5.71 ekuoj.*

**BIBLIOTEKA BULTENO**

La 1-a numero de la organo de TUTMONDA ESPERANTA BIBLIOTEKISTA ASOCIO (MFKA-012) aperis ĉi-aŭtune. Laŭaspekte tre modesta, ĝi tamen enhavas artikolon pri „Biblioteka Terminologio" fare de s-ro Doug Portmann, mallongan trarigardon de fakrevuoj, artikolon pri „Internacia Norma Bibliografia Priskribo", artikolon pri „bibliotekisto-esperantisto Aleksander Boleslaw Brzostowski" fare de Maria Zawada kaj eĉ unupaĝan instrukciaron, laŭ 7 punktoj, „por aŭtoroj de BIBLIOTEKA BULTENO". La "registristo" estas **s-ro Geoffrey King, 228 Capworth Street, London E10 7HL, Britio**. Al li skribu por aliĝi al la asocio kaj por peti informojn. Esperanto vivos nur se ĉiuj fakuloj povos uzi ĝin en siaj fakoj, do la devo de ĉiuj fakuloj esperantistaj estas aliĝi al sia faka asocio kaj kontribui laŭ siaj kapabloj al kreado de faka verkaro en Esperanto. Do, se vi estas bibliotekisto ne hezitu! La aliĝkotizo estas ĉirkaŭ 8 ekuoj.

*E d Z*



Internacia Asocio de Handikapitaj Esperantistoj (**IAHE**) estas eĥo de la bezonoj de invalidaj esperantistoj kie ili kun siaj fortoj kaj kapabloj kune kun aliaj partoprenas en la solvado de siaj pluroblaj problemoj kaj problemoj de la monda komunikado pere de Internacia Lingvo Esperanto.
La Asocio eldonas dumonatan gazeton „**Voĉo de Handikapuloj**" en kiu povas esprimiĝi handikapitaj kaj ne handikapitaj homoj per siaj traktadoj de la problemoj ligitaj al handikapitoj el kultura, socia, medicina k.a. sferoj. (Jarabono estas 5.- US $).
Ni invitas ĉiujn handikapitojn kaj helpopretajn homojn aniĝu al nia Asocio kaj petu pli detalajn informojn ĉe : **IAHE**, Školska ul. 25, YU-56227-Borovo, Jugoslavio.

# MOVADA VIVO



**LA VERDA LUPEO FENIKSO**, Informilo de Esperanto Ligo Filatelia, en sia n°69 raportas pri belega solidareca agado esperantista dum la unua mondmilito. Rusa esperantisto, konsulo de la tiama UEA, SACHAROV, sendis poŝtkarton el Moskvo, al itala esperantisto Tellini, en Bologna, je 10JAN1915, kun la jena teksto :

*„Estimata Sinjoro! estu afabla, sendu laŭ adreso: Hungarlando, Temeŝvar, S-ino Helene Rössler, ke ŝia edzo kaptitulo salutas ŝin kaj nun loĝas en Voronef, Ruslando. Ŝi povas korespondi kun li pere de s-ro Konstantin Veselovski..."*

Tiajn solidarecajn agadojn ege altetaksas la nuna MONDA FEDERACIO DE KULTURAJ ASOCIOJ. Se vi konas aliajn similajn faktojn, bonvolu informi **LG**-n. Esperanto Ligo Filatelia kunligas la kolektantojn esperantistajn. Ĝia adreso : Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, S-171 44 Solna (Svedio)

## UNUA REJNA ESPERANTO - RENDEVUO EN RASTATT

La Kooperativo de Literatura Foiro organizis ĉi tiun unuan "rendevuon" en Rastatt (D). La organizado, la komforto de la ĉambroj, duŝoj, manĝejoj estis unuarangaj, ni povas diri "profesiaj". La ideo, ke loka Esperanto-grupo invitas teamon de kultura centro por organizi staĝon, estas atendinda, ĉar povas ege altigi la lingvonivelon de la grupoj. La laboro disvolviĝis laŭ kvar niveloj.

La kurson por komencantoj gvidis s-ino **Perla Ari Martinelli** mem, la ĉefredaktoro de LITERATURA FOIRO. Oni ne tro ofte komprenas, ke instrui al komencantoj postulas la plej altajn pedagogiajn kaj



*Perla Ari Martinelli*

lingvajn kapablojn. La kursojn por progresantoj gvidis laŭ rekta metodo la konata s-ino **Maria Vitalyos**, kiu eble gvidos rektmetodan kurson dum la **JUBILEA ESPERANTO-KONFERENCO** en **GRAZ (A)**, kaj kiu kapablas komprenigi sin en Esperanto de homoj, kiuj ankoraŭ apenaŭ scipovas



*Dum la distra vespero en Rastatt...*



Dekstre : Maria Vitalyos

Maldekstre : P-ro Bernhard Einchkorn gvidas la diskutrondon



la lingvon. Estis ankaŭ la diskutrondo ĉiam necesa por kunigi la homojn, kiuj jam bone parolas, sed kiuj ankoraŭ ne sufiĉe fidas pri siaj lingvokonoj por aŭskulti altnivelan konferencon, aŭ ne interesiĝas pri la temo de tia konferenco. La diskutrondon gvidis P-ro **Bernhard Eichkorn.** D-ro **Giorgio Silfer**



*La tabulo de Giorgio Silfer...*

lekciis pri la historio de la Esperanto-literaturo. Estus tre malfacile eldiri ĉiujn problemojn prilumigitajn de li. Oni kompreneble retrovis liajn temojn konatajn de la legantoj de LITERATURA FOIRO kaj lian tre grandan erudicion. Multe tuŝis nin lia ega respekto por la Esperanto-kulturo. Li majstre montris la diversajn influojn, kiujn nacilingvaj literaturoj, nome la hungara, havis al la Esperanto-literaturo. La diskutadoj post liaj lekcioj (tute ne legataj!) estis interesaj. Liaj konkludoj estas tre meditindaj! Ni ankaŭ elmetis al ni la demandon ĝis kia dekadenco malprogresos la Esperanto-literaturo kaj la Esperanto-kulturo entute, se malkleruloj kaj nekompetentaj supkomercistoj daŭre fuŝos la rimedojn de la movado sen konservi la solajn verajn akiritaĵojn de Esperanto, la kulturajn. Jen grafiko pri la evoluo de nia literaturo, kiun d-ro Silfer desegnis sur la tabulon :




Kie haltos la falanta linio? Kiu kredas, ke sufiĉas turismi, komitatumi, lekadi la potojn de politikulaj moŝtoj por eviti la morton de Esperanto?

# INTERVJUO KUN
# GIORGIO SILFER

Mi renkontis d-ron Giorgio Silfer en Rasstatt (D), kie la Kooperativo de Literatura Foiro organizis kulturan kunvenon, subnome de UNUA REJNA ESPERANTO-RENDEVUO, okaze de jara kunveno de BAVELO[1], la 27an de oktobro 1986a. Post la brila lekciado de Giorgio Silfer, ni renkontiĝis en la iom brua komuna kunvenejo. Li ŝajnis laca, kaj mi estis tre kontenta, ke li tamen akceptis respondi al miaj demandoj. Li surhavis jaĥto-jakon maristo-bluan, kiu el-starigis lian altan staturon, liaj lipoj kaj mentono memorigas al mi ion, ... sed kion? De la fino de la intervjuo mi ektrovas : la suba parto de la vizaĝo de Giorgio Silfer similas al la esprimo de la fama Apolono-statuo de Olimpio.

**LA GAZETO** : Ĉiam ĝene estas demandi pri la plej simplaj donitaĵoj de fama esperantisto. Tamen mi kuraĝas demandi pri viaj nomo, aĝo, esperantiĝo kaj aliaj bazaj informoj prihomaj...

**GIORGIO SILFER** : Mia nomo estas Giorgio („Ĝorĝjo") Silfer, almenaŭ mi estas konata tiel, ĝi estas pseŭdonimo, mi estas Italia ŝtatano, kutimas nomi min Eŭropano, ĉar en Italio mi pasigis kvaronon de jarcento (mi naskiĝis en '49a kaj elmigris en 1975a), sed fakte mi partoprenas ne nur en la itala kulturo, partoprenas en aliaj kulturoj de Eŭropo kaj mi esence ne sentas min specifa itala produkto. Per tio mi jam diris, ke mi estas 37 jara.

**LG** : Do via nomo, Giorgio Silfer, estas plumnomo. Mi supozas, ke vi volas gardi sekretan vian veran nomon...

**GS** : Tamen ne, ĉar ĝi estas trovebla en la ESPERANTA ANTOLOGIO[2] kaj aliloke... Tiun pseŭdonimon mi elektis antaŭ jam 23 jaroj.

**LG** : ... tiam, kiam vi esperantiĝis?

**GS** : Pli frue, fakte, kaj tion montras ankaŭ la fakto, ke la antaŭnomo estas tamen itala...

**LG** : Do, laŭ ŝtataneco vi estas itala.

**GS** : Mi estas itala, kaj restos itala.

**LG** : Ĉi tion mi cetere scias, mi ĵus legis artikolon vian en la itala en norditalia Esperanto revuo[3]. Ĉu ne ekzistas Esperanto-versio de ĉi tiu artikolo?

**GS** : Temas verŝajne pri artikolo pri la esploro pri la origino de Esperanto. Ĝi nun ekzistas en la itala formo, baldaŭ aperos franclingva versio, estas verŝajne, ke mi tradukos ĝin al Esperanto. Sed ĝi estas artikolo unuavice destinita al ne esperantistoj. Do en Esperanta versio ĝi estus fakte malpli interesa por Esperantologo, ĉar multo tie dirita estas jam legebla ekzemple en verkoj ĉe Maimon[4] kaj en aliaj verkoj.

**LG** : Jes, komprenoble, sed **LG** estas porinstrua revuo, kiu ne celas unuavice Esperantologojn; ni volas vivteni la Esperanto-kulturon disvastigante la klasikajn sciojn. Oni devas rediradi al freŝbakitaj esperantistoj ĉion, kio jam estas bone konata al fakuloj. Tiel ekzemple la informoj pri via baza aktivado : vi estas konata kiel la mastro de LITERATURA FOIRO...

**GS** : Mi ne estas la „mastro" de LITERATURA FOIRO, ĉar la mastro estas la kooperativo de LITERATURA FOIRO, fondita en 1980a, en Svislando, kiu eldonas, posedas, kaj administras ĝin.

**LG** : ... ĉi tiun kooperativon vi kreis.

**GS** : Ĝi estis kunfondita de mi kaj de la membroj de la literatura rondo LA PATROLO. Ekde 1980a LITERATURA FOIRO ne estas la sola periodaĵo, sed unu el la organoj, fakte la plej grava, de la kooperativo, kune kun teritoriaj gazetoj, kiel ekzemple la LOMBARDA ESPERANTISTO, kie vi legis tiun artikolon, pri kiu ni ĵus parolis.

**LG** : Kiam vi kreis LITERATURA FOIRO-n, ĉu vi kreis ĝin mem, aŭ vi reprenis jam ekzistantan periodaĵon?

**GS** : Ĝi estis tute nova produkto, fondita en junio 1970a. Ĝi komence havis du celojn : unu specifan, tio estas funkcii kiel organo de la literatura rondo LA PATROLO, rondo kiu enhavis diversajn kulturajn Esperanto-aktivulojn, kun tamen itallingva civiliza fono, do estis ene ne nur italoj, sed ekzemple sanmarinano, kiel Nicolino Rossi, sviso kiel Tazio Carlevaro, kaj dua pli granda ĝenerala celo estis pere de tiu ĉi gazeto larĝigi la bazon de literatur-amantoj en Esperantio.

**LG** : Kiel situas LITERATURA FOIRO rilate al aliaj literaturaj revuoj, kiel ekzemple FONTO?

**GS** : Do, ĉi tiu estus demando ĉefe por la ĉefredaktorino de LITERATURA FOIRO, kiu estas Perla Martinelli. Mi dirus, ke FONTO certagrade fotografas la ekzistantan produktadon Esperantan, kiu bedaŭrinde tamen bezonas de tempo al tempo selekton, do FONTO esence ne sin proponas kiel kulturpolitikan instrumenton, kiel forumon por la Esperanta „inteligencio"[5], kaj kiel traktanton de la Esperanto-kulturo ankaŭ kiel subjekto kaj ne nur kiel objekto. Do en FONTO oni trovas, laŭ mia kompreno, ĉion kion oni sendas, dum LITERATURA FOIRO estas multe pli selektema.

**LG** : Do vi proponas ian normon en LITERATURA FOIRO?

**GS** : Esence LITERATURA FOIRO estas malfermita

al ĉies kunlaboro, sed unuavice ni ne disigas la valoron de la formo de la valoro de la enhavo, kaj duavice ni celas tion, kio estas sufiĉe aktuala, responda al la bezono de la Esperanta popolo, do tre forta estas la sociologia aliro de tiu ĉi gazeto. Ni povus fari Literaturan revuon, kiu ekzemple okupiĝas pri analizo de la poezia metriko en la 18a jarcento, ankaŭ tio estus literaturaĵo, sed tio unuavice ne estus Esperanto-kulturo kaj duavice ne interesus niajn legantojn. Do ni preferas resti ĉe aktualeco kaj ankaŭ ne nur ĉe literaturo, sed ni ankaŭ analizas aliajn fenomenojn de la Esperanto-kulturo, kiaj estas ekzemple muziko, la Esperanto-kanzono, teatro, kino...

**LG** : Ĉu multo estas analizinda en kinoarto, ĉu ekzistas filmoj en Esperanto?

**GS** : Jes, ekzistas unuavice intereso pri aktiveco, kiu koncernas originalan Esperantan produktadon, tiu tamen situas ĉefe en la teatra kampo, kaj poste



*D-ro Giorgio Silfer*

intereso pri kino ne en Esperanto, sed iel en rilato al Esperanto. Mi faras ekzemplon jam klasikan : intereso pri Charlie Chaplin estas sufiĉe natura por la Esperanto-kulturo, ĉar la „Diktatoro" estas la unua filmo, kie Esperanto ludas rolon, la skribaĵoj en la „getto"[6] de tiu ĉi filmo estas en Esperanto. Samtempe aperas filmoj, kiuj ne uzas Esperanton, sed pritraktas temojn, kiuj povas interesi la Esperantistojn, ekzemple „La Senlingvulo", filmo farita el la esperantigita libro de Korolenko. (...).

**LG** : Vi bezonas tre kapablajn kaj erudiciajn kunlaborantojn por elfari ĉi ĉion, sed kiel vi eltiriĝas materiale, el organiza kaj el financa vidpunktoj?

**GS** : ...en 1980a estis fondita la kooperativo, kiu posedas LITERATURA FOIRO-n kaj la ceterajn servojn, periodaĵojn, kiel ekzemple ankaŭ PLANLINGVISTIKO-n kaj la diversajn teritoriajn gazetojn. Librojn ĝi eldonas, diskojn, kasedojn, kaj ĝi organizas ankaŭ kongresetojn, kia estas ekzemple ĉi tiu „Unua Rejna Esperanto-Rendevuo".

**LG** : Kiuj estas membroj de ĉi tiu kooperativo?

**GS** : Tiuj, kiuj aĉetas almenaŭ unu kooperativan akcion (ĝi kostas 200 svisajn frankojn[7]), kiu validas por la tuta vivo kaj ĝi estas kompreneble repagebla se iu eksiĝas, aŭ se iu mortas, al la hederantoj.

...(la intervjuo temiĝas nun pri diversaj teĥnikaj aspektoj de la financado kaj la eldona aktivado de la kooperativo de LITERATURA FOIRO : partoj, kompostado, presejo, fotokompostilo ktp)

**LG** : Ni revenu al problemoj pli kulturaj de LITERATURA FOIRO. Vi redaktas ĝin, ĉu?

**GS** : Mi estas unu el la membroj de la redakta stabo, sed la ĉefredaktoro estas Perla Martinelli.

**LG** : Via edzino...

**GS** : Jes, sed tamen ege sendependa...

**LG** : Kaj ĉu la kunlaborantaro estas el esperantistaj verkistoj?

**GS** : Jes. Ekzistas, mi ne memoras precize la nombron, ĉirkaŭ dudek[8] homoj, kiuj konstante kunlaboras plejparte en Eŭropo. La plejmulto estis italoj ĝis certa tempo, nun estas iomete pli da ekvilibro.

**LG** : Ĉi tiu jaro estas la 17a de la ekzisto de LITERATURA FOIRO, ĉu?

**GS** : Jes, la deksepa. Venontjare, okaze de la 18a, do preskaŭ de la plenaĝiĝo, de la maturiĝo, ni transiros al monateco, do la gazeto aperos preskaŭ ĉiumonate.

**LG** : Ĉu vi volus diri ion pri la longa batalo por la sukceso? Ĉar nun oni povas diri, ke LITERATURA FOIRO sukcesis.

**GS** : Evidente por fari periodaĵon oni bezonas kelkajn jarojn, kaj periodaĵo devas korespondi ankaŭ al certaj merkataj bezonoj. Antaŭ 18 jaroj ekzistis konkreta merkata bezono, kiu fakte plu ekzistas, kiu estas nun kontentigata preskaŭ ekskluzive de LITERATURA FOIRO. La konkreta bezono estis havi iun forumon por la Esperanta intelektularo kaj samtempe havi gazeton ne nur kun inda enhavo, sed ankaŭ kun digna formo. Tion akiri dank'al plej modestaj rimedoj, tion ni sukcesis fari. Unuavice pro la fakto, ke niaj kunlaborantoj kaj ni mem

laboris senpage. Due ĉar ni ĉiam sukcesis labori je minimumaj kostoj. ... Do la du aferoj kombiniĝis, estis iu bezono, iu konjunkturo, en kiu LITERATURA FOIRO pruviĝis adekvata respondo, kaj estis la sindonemo kaj ankaŭ la kompetenteco de kelkaj homoj, kiuj kreis ĉi tiun fenomenon. ... Aperos la centa numero ĉi jare, en decembro, do ni havos jubileon ene de la jubileo. Intertempe aperis ankaŭ 18 numeroj de PLANLINGVISTIKO, 30 numeroj de LOMBARDA ESPERANTISTO kaj 21 numeroj de TRANSALPA ESPERANTISTO. PLANLINGVISTIKO provizore ĉesos en decembro ci jare, kaj tiam ĝia Esperantologia parto transiros al la nova monata LITERATURA FOIRO.

LG : La kooperativo de LITERATURA FOIRO publikigas ankaŭ librojn. Kiujn el ili vi volus mencii?

GS : El la titoloj aperintaj kiel libroj dum la lastaj jaroj ni menciu la du plej gravajn : „Infero" de Dante, tradukita de Kalocsay, en 1979a, kaj „Kalevala", kiu aperis en '85a. Rilate al la bendofako (fakte ni povas diri, ke la kooperativo de LITERATURA FOIRO avangardas en ĉi tiu sektoro), ĝi produktis la kasedon de Johàn Valano, la kasedojn kaj diskojn de Oliver Tzaut, kasedojn de Gianfranco Molle, kaj la ESPERANTA SONGAZETO-n kiu jam atingis sian 5an numeron. Baldaŭ ni aperigos la unuan pop'-muzikan kasedon.

LG : Kio estas la ESPERANTA SONGAZETO?

GS : La ESPERANTA SONGAZETO estas fakte periodaĵo, tamen sen regula ofteco, en kasedoj.

LG : Ĉu ajna simpla magnetofono povas ludi ilin?

GS : Jes, magnetofono por kasedoj ... Ĉiu kasedo daŭras 60 minutojn, ĝi enhavas muzikajn partojn, teatraĵojn, intervjuojn, rarajn dokumentojn, ekzemple ni sukcesis savi la solan diskon kie oni aŭdas la voĉon de Raymond Schwartz[9] kantanta propran kanzonon.

...La kasedoj estas aparte aĉeteblaj, eĉ unuope ... unu kasedo kostas 18 svisajn frankojn[10], kvar numeroj sinsekvaj, 60 svisajn frankojn[11].

LG : Krom la du plej gravaj libroj, kiujn vi eldonigis, ĉu ekzistas aliaj menciindaj eldonaĵoj?

GS : Ni havas serion didaktikan, kie ekzemple aperis tiu ENKONDUKO AL LITERATURA KRITIKO, kiun vi havis la okazon vidi. Ni enkadre de tiu serio „kandidata" aperigas verkojn ne mondliteraturajn, sed apartenantajn al la suba, eble al la meza nivelo de literaturo, ekzemple krimromanojn kaj ni aperigis diversajn poemkolektojn, ekzemple tiun de Nicolino Rossi[12], „Sur la vivopado", kiu gajnis la premion „Verko de la jaro 1981a", la poemkolekton de Johàn Valano : „Malmalice", en 1978a, kaj simile.

LG : Lasta demando, se vi bonvolas respondi : ĉu via kuraĝa sinteno al diversaj aferoj de la movado, nome al la okazintaĵoj en Pola Esperanto-Asocio, ne altiris al vi malamikecon aŭ malfacilaĵojn, almenaŭ el komerca vidpunkto?

GS : Kultura entrepreno kiel la nia ne devas esti sklavo de merkataj konsideroj. Ankaŭ, ĉar tio tute ne konvenus al la libera evoluo de la Esperanto-kulturo. Aliflanke mi opinias, ke la vidpunkto de la kooperativo de LITERATURA FOIRO pri polaj eventoj estas alia, ol esprimiĝis el diversaj podioj, el diversaj tribunoj, el diversaj pupitroj. Nia specifo pri tio estas la jena : unuavice ni estis la unuaj, kiuj informis pri la puĉo okazinta en la Pola Esperanto-Asocio kaj estas, ŝajnas al mi, la solaj, kiuj publikigos, verŝajne „publikigis", kiam la legantoj de LG legos ĉi tiun intervjuon, dokumenton, kiu venas el Pollando, kaj kiun vi legos en la numero 99a de

LITERATURA FOIRO. Do tute simple ni havis vidpunkton de informado, ĉar ni ne vidas kial oni devas ion kaŝi. En la kadro de la informado gravas tamen ankaŭ la stilo. Ni estus povintaj diri, ke tiu „betona" flanko, kiu kaŭzis puĉan cirkonstancon, konsistas el friponoj. Ni tamen preferis aserti tion, ke la homoj kiuj estis forigitaj estas honestaj, ke tiuj homoj efektive donis grandan kontribuon al la Esperanto-kulturo kaj al la reputacio de Pollando ene de la Esperanto-komunumo. Do tio estas iu stilo, kiu karakterizas nian kooperativon kaj kiu diferencigas nian vidpunkton de la starpunktoj, kiujn alprenis aliaj. Aliaj kiuj ekzemple silentis, fintis ne koni la faktojn, ignoris, aŭ aliaj, kiuj eĉ misinformis, aŭ pluaj, kiuj esence insistis pri la negativaj aspektoj de iuj, dum ni volis insisti pri la pozitivaj aspektoj de aliaj. La dua elemento, kiu diferencigas la starpunkton de la kooperativo de LITERATURA FOIRO rilate al polaj eventoj estas, ke ni konsideras la situacion tie tre plektita, kaj, fakte, malfacile analizebla. Ni povas diri tion, ke esence ne sufiĉas la paradigmo laŭ kiu unuflanke ekzistis „SOLIDARECO"[13], aliflanke ekzistis la „PARTIO"[14], por klarigi la eventojn ene de PEA. Ĉar ekzistas kelkaj bonaj partianoj ankaŭ, kiuj estis simple forbalaitaj de tiu ĉi cirkonstanco, kaj ne necese ĉiuj, kiuj formale estis favoraj al SOLIDARECO respondas al certaj kriterioj ankaŭ moralaj. Estas fakte ĉi tiu analogio, kiun mi volas fari : imagu, ke dum la civila milito en antikva Romio, judoj, ekzemple, dividiĝus inter Cezaranoj kaj Pompeanoj. Estas evidente, ke la divido estus pure ekstera kaj la internaj konfliktoj de la judoj rimarkiĝus en ĉi tiu divido. Fakte en Pollando okazis io sufiĉe simila. Ekzistis du grupoj interne de PEA : unu el ili, kiu laŭ ni spegulas pli aktualan kulturpolitikon, pli proksiman al tiu momento de kolektiva konsciiĝo, reprezentita de la manifesto de Raŭmo[15] kaj de la sekva debato, ŝajnis havi la plimulton je certa punkto, kaj tiu „betona" flanko, kiu ne identiĝis kun tiu unua pozicio, alvokis la eksteran aŭtoritaton por defendi sin. Kvazaŭ farizeoj, kiuj, timante la venkon de kristanoj, alvokis la povon de Pilato kaj de la Romianoj, por tiel solvi la aferon ne konsciante, ke tiel oni metas nur la unuan bazon por la detruo de la komuna templo. Per tio mi volas reemfazi mian senton de profunda amikeco al la pola Esperanto-komunumo, la senton, kiun sendube partoprenas ĉiu membro de la kooperativo de LITERATURA FOIRO, esprimi mian bedaŭron pri la sinteno de pluraj esperantistoj en tiuj ĉi eventoj, kiu estis ĉu unuflanke de falseco, ĉu aliflanke de instrumentigo.



*D-ro Jerzy Leyk, eksa prezidanto de PEA*

**LG** : Mi komprenas kaj dankas vin pro ĉi tiu intervjuo. Ni atentigos niajn legantojn, ke niaj intervjuoj estas rektaj, perparolaj kaj nepreparitaj de la intervjuito, kiu en tiaj cirkonstancoj povas erari, kaj kiu rajtas sin korekti skribe en venonta numero.

*LG = EdZ*

**1** - Baden-Virtenberga Esperanto-Ligo

**2** - ESPERANTA ANTOLOGIO, UEA, Rotterdam 1984, p. 864a: **Silfer Giorgio** (pseŭdonomo de Valerio Ari, 1949-). Italo; lingvo-instruisto. Esperantisto de 1965. Gajnis sian unuan premion en E-a literatura konkurso, 1967. Kunfondis en 1969 la literaturan rondon „La Patrolo", kies propra organo estis LITERATURA FOIRO (1970-1979). Ĉefredaktoro de LF de la unua ĝis la sesdeka numeroj. Ĉefredaktis la revuon KONTAKTO inter somero 1975 kaj vintro 1977/78. Komitatano de TEJO 1969-72 kaj 1977-80. Gvidis multajn E-kursojn. Verkoj : „Drole kaj petole" (originalaj anekdotoj, 1972); „De tempo al tempo" (originalaj poemoj, 1977); „Enkonduko al literatura kritiko" (SUK-lekciaro, 1978); „La sesdek oka : ĉu decida jaro?" (Antologio, kun Perla Martinelli, 1978).

**3** - LOMBARDA ESPERANTISTO, n-ro 29a, majo/junio 1986a, Giorgio Silfer : „se mi ne estus hebreo... un'indagine sulle origini dell'esperanto", 16 paĝoj.

**4** - N. Z. Maimon : LA KAŜITA VIVO DE ZAMENHOF, JEI, 1978a. (bv. vidi la artikolon de W. Zelazny en **LG**, numero 3, paĝo 18).

**5** - = intelektularo.

**6** - = judkvartalo.

**7** - 200Chs = ĉ. 117.50 ekuoj.

**8** - Sur la dua paĝo de LF ni trovas : **Redakta stabo** : Roger Bernard, Ed Borsboom, Giulio Cappa, Tazio Carlevaro, Ada Csiszar, Reino Eriksson, Bernard Golden, Miguel Gutierrez Aduriz, Hagen Hirte, Georges Lagrange, Kris Long, Herbert Mayer, Elio Migliorini, Carlo Minnaja, Julian Modest, Gabriel Mora i Arana, Gaudenzio Pisoni, Nicolino Rossi, Giorgio Silfer, Poul Thorsen, Pierre Ullman, Gaston Waringhien. — **Grafika stabo** : Stella Agostini, Antonina Apollo, Gianluigi Gimelli, Giancarlo Mangini, Parla Ari Martinelli.

**9** - (1894a-1973a). Aŭtoro de la fama romano „Kiel akvo de l'rivero".

**10** - 18CHs = 10.58 ekuoj.

**11** - 60CHs = 35.25 ekuoj.

12 - (1939a-). Poeto kaj tradukisto el „La Patrolo" kaj el la redakta stabo de LF. Esperanto" - instruisto en Napolo (I). Sanmarina civitano.
13 - amassindikato de la pola laboristaro, nun malpermesita kaj subtera.
14 - = la komunisma.
15 - pri la Manifesto de Raŭmo vi legos en venonta numero de LG.



## KRUCVORTENIGMO "KVE-7"



**HORIZONTALE:**

1 - Miraĝ'. 2 - Parolarta * Interjekcio. 3 - Iama germana moner' * Porkonstruaĵa lignopec'. 4 - Alĝeria havenurbo * Neevitebla. 5 - Edzino de Abrahamo * Kubo * Brita leĝprojekt. 6 - Sufikso konflikta * Ŝirmi. 7 - Speci' de strigoj * Moviĝ * Tajlando. 8 - Tuno * Speci' de siringoj * Muziknoto. 9 - Lastmoda scienc' * Sufikso. 10 - Avesta saĝulo.

**VERTIKALE:**

1 - Planta procez'. 2 - Biblia grundejo * Monogramo de la aŭtoro de „Moravia Karsto". 3 - Juĝista rob' * Verda gas'. 4 - Diino de l'inteligento * Rilata al porteksaĵa ilo. 5 - Konduto * Mallonga pantalon' 6 - Adorata sub bovida form' * Vi intima * Faru. 7 - Aŭtosimbolo de Argentino * Fluoro * Orienta veturil'. 8 - Gramo * Unua kristana standard' * Taro. 9 - Pordefenda baraĵ' * Metal' 10 - Demografia studtemo.

# MOVADA VIVO

**JUBILEA ESPERANTO-KONFERENCO EN GRAZ (A), de la 18a de julio ĝis la 25a de julio 1987a.** La plej elstara aranĝo de la jubilea jaro kun ege ambicia programo. La ĉef-temon de la konferenco pritraktos dekduo da lekci-istoj priskribontaj la atingaĵojn de nia kulturo dum pasintaj cent jaroj. La ĉeestontoj povos konscie ekkoni kio jam estas farita, kio estas farota, kio estas farenda.

Sed ne ĉiuj amas la ege seriozajn lekciojn. Ankaŭ ne ĉiuj regas Esperanton jam sufiĉe bone por kompreni ilin. La JEK estas **por ĉiuj Esperantistoj, „ĝi ne estas aranĝo de ICNEM, nek de UEA, nek de SAT, nek de kiu ajn alia Esperanto organizaĵo"**, sekve ĝi estas ankaŭ memforesto kaj esprimebleco por komencantoj kaj progresantoj, junuloj kaj mal-junuloj. Okazos do paralela programo por ili. Rekt-metodaj kursoj por lerni aŭ perfektigi sian Esperanton, turismaj kaj kulturaj aranĝoj, renkontiĝoj de redakcioj kun siaj legantoj, ktp...

**Duonkotizoj por konferencanoj el Orienta Eŭropo, el evolulandoj kaj por ĉiuj rifuĝintoj.** Aliĝkotizoj en '86a : por konferencano 700As (=48 ekuoj), por paro 1400As (=82 ekuoj), por junulo 500As (=34 ekuoj). Informu vin ĉe : JEK, d-ro Klaŭs Perko, Lendkai 111, A-8020 GRAZ, Aŭstrio.



*La kronita pantero de Graz.*



*Romia vilao en Vaison - la - Romaine*

**LA KONGRESO DE SAT-AMIKARO** okazos en la urbo Vaison - la - Romaine (F), dum la Pasko 18-21APR87, en la Kultura Centro „A Cœur Joie". Tiu ĉi centro estas tre bone ekipita por akcepti la kongreson laŭ tre taŭgaj kondiĉoj. En belega kadro oni trovos surloke, ĉion necesan por dormi, manĝi, kongresi kaj... turismi. La ĝenerale agrabla vetero dum la Pasko ebligos al la partoprenontoj malkovri la ĉarmecon de tiu mondkonata, arĥeologia urbeto situita piede de la monto Ventoux.

Profitu la okazon trapasi kelkajn tagojn sunbrilajn en Provenco, je tre modera prezo.

Petu informojn kontraŭ poŝtmarko aŭ respond-kupono, al : S-ino Gemma RASSOUW, Chemin Sainte-Croix, F-84110 VAISON-la-ROMAINE.

**KULTURA CENTRO ESPERANTISTA,** adreso : Postiers 27, Poŝtfako 771, CH-2301 LA CHAUX-DE-FONDS (CH). Sorĉa pejzaĝo de Ĵurasaj montoj. Svisa perfekteco de komforto.

– Esperanto-staĝoj: 19-24JAN87, 16-21FEB87, 23-28MAR87.
– Seminarioj de INTERNACIA FERIA ALT-LERNEJO (IFA):
- 9-14FEB87, „ANDERSEN KAJ ESPERANTO", instruos d-ro Dirk Willkommen.
- 16-21FEB87, „OKCIDENTA KAJ ORIENTA PENS-MANIEROJ", instruos d-ro Eugène de Zilah.



*La Chaux-de-Fonds : K C E sub neĝo*

# PREZOJ KAJ KURZOJ






*La kontribuo de dek Eŭropaj monoj al la EKUO*

## KREDITKARTO EN EKUOJ
### UNUA PAGRIMEDO EN LA EŬROPA MONO

La banko „Crédit Européen" en Luksemburgio eldonis en oktobro 1986a sian unuan VISA-karton difinitan en ekuoj. La VISA-karton akceptas tra la mondo 4.5 milionoj de komercistoj, hoteloj, restoracioj, benzinputoj, ĉiovendejoj ktp. Ĉi tiu evento gravas, ne nur ĉar la feliĉaj posedantoj de tiaj kartoj povas pagi la abonprezon de **LG** sen zorgi pri transkalkulado en nacian monon, sed ankaŭ ĉar la Eŭropa internacia mono ekhavis mankantan ĉeneron por kompleta mona cirkvito. **LG** prisolenas ĉi tiun eventon publikante statistikon pri la laŭprocenta kontribuo de dek Eŭropaj monoj al la EŬROP-KOMUNAĴA speso (EKs).

*1 EKUO VALORIS JE 15NOV86*

| | | |
|---|---|---|
| *14.688 As* | *6.817 Fs* | *2.361 NLs* |
| *1.591 AUSs* | *0.715 GBs* | *151.981 Ps* |
| *43.650 Bs* | *141.672 GRs* | *203.720 PLs* |
| *0.934 BGs* | *48.286 Hs* | *7.137 Ss* |
| *1.418 CDNs* | *1443.766 Is* | *5.073 SFs* |
| *1.743 CHs* | *1.529 ILs* | *0.703 SUs* |
| *5.869 CSs* | *41.654 ISs* | *340.859 TGs* |
| *2.090 Ds* | *166.883 Js* | *0.881 TNs* |
| *7.862 DKs* | *43.650 Ls* | *759.842 TRs* |

## ŜAKPROBLEMO „ŜBP-7" DE PASKALO

Situacio de la blankularo : Reĝo = F4; Turo = B1; Ĉevalo = E3; Peono = F6.
Situacio de la nigrularo : Reĝo = G1; Damo = H1; Turo = A2; Kurieroj = A1, G2; Ĉevalo = F1; Peonoj = A4, B2, B3, F2, F7, H2, H3.
La blankuloj ekludas kaj matigas post 11 paŝoj. Tri el la solvintoj ricevos premion se ilia solvo alvenos antaŭ 31JAN87.







**iam kompletigota plena verkaro de l. l. zamenhof**
k r o m k a j e r o  2 - b i s
POST LA IEL-TIELA KOMPLETIĜO
e l d o n e j o  l u d o v i k i t o  1 9 8 6
294 paĝoj broŝuritaj en verda velursimila kartono kun brile ruĝa dorstitolo kaj nigra kovrilo
21,5 x 15,5 cm

Tre prave Gastono Varengjeno parolis en HEROLDO DE ESPERANTO 10/1981 pri „monumento en la Esperanta bibliografio". Kio en 1983 ankoraŭ estis nur aŭdaca, preskaŭ tro riskema intenco, nun en 1986 estas el Esperantujo ne plu forpensebla realaĵo. Kvankam verŝajne nur malmultaj Esperantistoj akiris la „monumenton" — la libroj, eldonitaj en luksa aranĝo, apenaŭ interesas la vastan publikon — kaj kvankam verŝajne ankaŭ nur malmultaj legis ĝin, ĝi tamen ekzistas. Ĝi estas impona atestanto pri la Zamenhofa ideаro, pri la forto de lia genia iniciataĵo kaj pri la vivoforto de la Esperanta movado, kiu ĉiam denove altiras memdonemajn idealistojn, kiuj ne timas perdi tempon, kiuj ne ŝparas penojn, eĉ malatentante sian sanon, kaj kiuj ne hezitas elspezi pli aŭ malpli multan monon por progresigi la Esperantismon.



*L.L. Zamenhof (Muzeo en Sant Pau d'Ordal)*

Ludovikito, t.e. la Japano Itô Kanzi, estas unu el ili, unu el la plej elstaraj el ili. Multajn dokumentojn pri la Zamenhofa verkado, pri la frua Esperanto-movado li verŝajne lastmomente savis el la minacanta pereo, el la definitiva forgeso kaj malapero.

Se li publikigus nur la dek librojn de la unua parto (Zamenhofa originala verkaro) kaj la kvar librojn de la dua parto (Zamenhofaj tradukoj), la de li starigita monumento jam estus grandioza. Sed tiu „monumento" disponas pri miriga propra vivo, kvazaŭ forte vivanta arbo ĝi ĉiam naskas novajn burĝonojn, kiuj neatendite elkreskas el inter la unuaj kulturitaj. Aperas iu bisa volumo post la alia, aperas tuta tria parto de kromkajeroj kaj eĉ inter ili nun estas aperinta ankaŭ kromkajero bisa.

La tuta entrepreno de Ludovikito plejgrandparte fariĝis jam historio, la kompletigota verkaro plejgrandparte fariĝis jam kompletigita, kaj samtempe apartenas al la entrepreno ĝia propra historiografio. Ĝi troviĝas precipe en la kromkajero 2, kiu enhavas korespondadon inter Ludovikito kaj N. Z. Maimon, finiĝanta per ties letero de 1979-05-13, kaj tiu inter Ludovikito kaj Gastono Varengjeno, finiĝanta per ties letero de 1981-06-17.

Kaj tiu kromkajero 2 KORESPONDADO LUDOVIKOLOGIA nun estas provokinta kromkajeron 2-bis POST LA IEL-TIELA KOMPLETIĜO. Ĝi estas jam la 16-a volumo de la tuta serio. Ĝia precipa parto estas la daŭrigo de la korespondaĵo inter Ludovikito kaj Varengjeno, de 1981-11-12 (Ludovikito al Varengjeno) ĝis 1986-01-03 (Varengjeno al Ludovikito). Per ĝi la historio atingas preskaŭ la estantecon. La temoj de ĉi tiu vigla korespondado inter la du grandaj Esperantistoj estas de surpriza varieco. Neeble ĉi tie indiki ĉiujn! La listo fariĝus tro longa. Sed por perigi certan impreson, mi citu ĉi tie nur kelkajn el ili : komputeroj kaj supersignoj; Esperanto en la buŝo de la komenctempaj Esperantistoj, de Zamenhofo mem, de Javalo, Seberto, Miŝoo (Michaux), Debofronto (de Beaufront), Kutujrato (Couturat), Ŝaverto (Chavert) k.a.; la malfacilaĵoj disponi pri la originalaj (do ne ŝanĝitaj) tekstoj de la de Zamenhofo tradukitaj libroj el la Malnova Testamento; la aktuala restado de Zamenhofaj traduko-manuskriptoj de la Andersenaj fabeloj; la litero „h" kaj ĝiaj diferencaj prononcmanieroj; la blufoj de Debofronto; malaltigo de la eldonkostoj per propra kompostado; la Varengjenaj verkistaj aktivecoj : TRA LA PARKO DE LA FRANCA POEZIO, la lastaj volumoj de la ESEOJ, LA ROBAIOJ de Omaro Kajamo (Umar Kajjam), kaj la malfacilaĵo trovi eldoniston; la verkado de Ludovikito en la Japana lingvo; la plur-



foje ŝanĝita epiteto de nia lingvo : lingvo universala, internacia, tutmonda; preparo de la kroma kajero 4; kiel Zamenhofo kompilis la FUNDAMENTAn KRESTOMATIOn; kiun tipon de skribmaŝino Zamenhofo uzis; ktp. ktp.

Tiu interesega korespondado inter Ludovikito kaj Varengjeno tamen plenigas nur iomete pli ol la duonon de la libro. Sekvas „kelkaj el la aldonitaĵoj" (p. 153-204), t.e. depresoj el la dokumentaj kopioj, kiuj estis laŭokaze aldonitaj al la leteroj. Inter ili troviĝas artikolo el la POLA ESPERANTISTO de 12/1927 de Lidino Zamenhofo pri LA SKRIBMAŜINO DE MIA PATRO, letero de Klarino Zamenhofo al sinjorino Moŝeleso (Moscheles) de 11/1910, longa serio de la leteroj de Sofino Zamenhofo precipe pri eldonistaj aferoj, serio de letereks-traktoj, kiuj koncernas la Zamenhofan misteron pri la Honora Legio. La lasta el la aldonitaĵoj estas, iom surprize, la TAGLIBRO EN LA HOSPITALO (p. 205-227), kiu estas tre preciza raporto de Ludovikito pri la, feliĉe sukcesa, okula operacio, al kiu li devis submeti sin pro katarakto. Tiu raporto estas vera literatura unikaĵo. Mi kredas, ke mi neniam legis ion similan. Mi ne povas ne deziri, ke Ludovikito skribu analogan raporton pri almenaŭ unu semajno de lia ĉiutaga Japana vivo.

„Por iel reklami" Ludovikito sekvigas kunmetadon de la recenzoj, kiujn provokis lia nelacigebla laboro. La libro fermiĝas per POSTPAROLO (p. 13) kaj INDEKSO (p. 10). Ĝin ornamas desegnoj de M. Fruscieva.

*Rikardo Ŝulco*

---




# JUDAJ RAKONTOJ

Kristana pastro gajnis en loterio ĉefan premion. Li vetis por „49" kaj ĝuste tiu ĉi numero gajnis. Venkinton vizitas certa Grynbaum kaj demandas :

– Pastro, diru, kiamaniere vi elpensis ludi precize por „49" ?

– Tre simple – respondas la feliĉulo – en sonĝo mi vidis „7"-ojn, ili estis ses, kaj ses sepoj egalas al 49, do mi ekludis por tiu nombro.

– Pastro – surpriziĝas Grynbaum – kion vi eldiras, ja sesoble sep faras 42, kaj ne 49!

– Pfi! – primokas la Pastro – konsentite, estu vi, kiu scipovas kalkuli.

* * *

Konata milionulo Rosen haltis por tranokti, en Berdyczow. Eksidante vespermanĝi en la loka taverno, li mendis ovaĵon. Kiam venis tempo por pagi, Rosen surprize konstatis, ke oni fakturis lian ovaĵon je 100 rubloj. Li tuj postulis la ĉefon kaj lin ekdemandis :

– Diru al mi, Sinjoro, ĉu ovoj ĉe vi tiel raras, ke ovaĵo tiom kostas?

– Ne, ovoj ne estas ĉe ni raraj – replikis la ĉefo – sed maloftas milionuloj.

* * *

Icek nervoze travagas la loĝejon kaj ne povas trovi por si pacan angulon. Lia edzino, observante lian psiĥan staton, demandas :

– Kio kaŭzis, ke vi tiom maltrankvilas?

– Mi ŝuldas al Rabinoviĉ du mil zlotojn, morgaŭ




estas la lasta tago por repagi la ŝuldon kaj mi tiun monon ne havas.

– Ne embarasiĝu Icek, mi tion prizorgos.

Kaj ŝi proksimiĝas al la telefono, elturnigas numeron de Rabinoviĉ kaj alparolas lin :

– Sinjoro, parolas edzino de Icek. Li ŝuldas al vi du mil zlotojn. Morgaŭ lastiĝas dato de la repago. Ĉu jes? Do, vi estu informita, ke mia edzo morgaŭ ne redonos la ŝuldon.

Sekve ŝi remetas la aŭskultilon, turnas sin al la edzo kaj kviete konstatas :

– Do, aranĝite. Nun li ĉagreniĝu!

* * *

*El la libro MADROŚCI ŻYDOWSKIE, Wiedza Powszechna, Warszawa 1961, kompilita laŭ anekdotoj de polaj judoj fare de **Aleksander Drożdżyński**, tradukis el la pola **Erta Liczmańska**.*





# KONCIZA HISTORIO DE LA ESPERANTO-LITERATURO

(La redaktoro de LG ĉeestis intergrupan aranĝon de MFKA en Sant-Pau-d'Ordal (E), kaj tie, en la riĉega „Muzeo de Esperanto", li konatiĝis kun la giganta, ĉirkaŭ 120-voluma ENCICLOPEDIA UNIVERSAL ILUSTRADA EUROPEO-AMERICANA. Ĝi probable estas la plej ampleksa enciklopedio en la mondo : vera fonto de ĉiuj konoj. Kompare al ĝi bagateliĝas la plej grandaj enciklopedioj, eĉ ENCYCLOPEDIA BRITANNICA (angla) aŭ ENCYCLOPEDIA UNIVERSALIS (franca). La giganta verkaĵo donas la etimojn de ĉiuj terminoj, post kiuj, parenteze, vi trovos la ekvivalentaĵojn en la lingvoj : franca, itala, angla, germana, portugala, kataluna kaj **Esperanto (!)**. Kion faras esperantisto kiam li trafoliumas tian verkaĵon? ...La redaktoro de LG agis same kaj tuj rigardis kion la enciklopedio diras pri Esperanto, kaj li surprize konstatis, ke ne nur oni priparolas tie, tute honeste, (notinda afero!), Esperanton, sed aldone oni tie pritraktas nian originalan literaturon, kun scienca objektiveco, laŭlonge de 12 densegaj paĝoj. De tiam li ekhavis la nepran deziron konatigi tion, kion skribas ĉi tiu altvalora enciklopedio pri nia literaturo por ĉiuj legantoj de LG, kiuj ne scipovas la hispanan lingvon. Joan Ràfols Vendrell akceptis esperantigi la tekston. Dank'al li vi povas do legi la jenan citaĵon el la fama enciklopedio.)



*Joan Ràfols Vendrell*

## LA ELLABORADO (1919 - 1939)

La milito interrompis la socian kaj kulturan vivon de la esperantistoj. Sed la unua, la heroa fazo, kiam temis doni kaj subteni la vivon de la lingvo kaj fiksi ĝian uzadon, jam pasis sukcese. Oni pruvis, ke la milito ne sukcesis detrui la faritan laboron. Kiam finiĝis la problemoj, komenciĝis dua epoko de la Esperanta literaturo, kiu daŭras ekzakte dudek jarojn (1919-1939) kaj kiu estos interrompita, ĉifoje pro la dua mondmilito. Dum ĉi tiu epoko estas trapasita la „amatorismo" de la unuaj jaroj kaj aperas la unuaj grandtalentaj verkistoj. Dume en la unua epoko, el la lingva vidpunkto, la tradukaĵoj estas, kvankam nur mezgradaj, de supera kvalito kompare al la originalaj verkoj, inter la du mondmilitoj, kvankam la tradukoj havas la saman nivelon, eĉ pliboniĝas, ekaperas originalaj verkoj grandkvalitaj, tendenco kiu kulminos, post la dua mondmilito en la Skota Skolo.

Kvankam ĉiam estis Esperantistaj verkistoj en multaj landoj, la epoko inter la du mondmilitoj karakteriziĝas per la agado disvolvita ĉirkaŭ la revuo kaj la eldonejo „Literatura Mondo", movado konata ankaŭ kiel Budapeŝta Skolo. Dum proksimume dudek jaroj, la hungara ĉefurbo estis la centro de intensa kaj intelekta aktivado. Kvankam estis multaj verkistoj elirintaj el ĝi, kiel vidiĝos, ĝiaj ĉefaj reprezentantoj estis : Kalman Kalocsay (1891-1976) kaj Julio Baghy (1891-1967).

Fondita en 1922a de Theodor Schwartz, la revuo kaj la eldonejo post du jaroj transformiĝis en Hungaran Esperanto-Instituton. Ĝia eldona aktivado finiĝis en 1926a, sed revivis de 1931a, dato ekde

# LA DEKERARA TEKSTO

**Ni malice enŝovis (almenaŭ) dek erarojn en la suban tekston de SZATHMARI. Ĉu vi kapablas ilin retrovi? En ĉi tiu sama numero de LG vi trovos ankaŭ la espereble seneraran tekston de la sama citaĵo el MAŜINMONDO.**

*Sed tio estis nur la komenco. Ĉar la eksdeputito montris nenian penton, aŭ bedaŭron, eĉ pli, li vivis la plej skandalan vivo. Li alparolis sur la strato honestaj edzinoj, esperimante siajn dezirojn per la plej senkaŝaj vortoj. Eĉ la survangoj de la edzoj ne povis lin resaĝigi. Fine la policistejo ekkaptis lin kaj la justiceministro ordonis enkarcerigi lin ĝis la venotaj instrukcioj.*
*Kaj ne nur tiuj ĉi du kazoj plialtigis la ekscitiĝon de la registaro. Ĉiuj „kuracituloj" vivis simile malmoralan vivon. Ili forlasis iliajn edzoparulojn kaj gefilojn, vestiĝis skandale kaj — kio estis la plej danĝera trajto — la patriotismo tute neniigis en ili. Ili dizertis el la militservo. Vane ili estis pendigitaj, ili paŝis tute senemocie al la pendigilon kaj la fortimiga ekzemplon tute ne povis obeigi la ceterulojn. Same cinike ili kondutis en la tuta publika vivo : ne estimis la superulojn kaj kvankam bone ili faris siajn labordevojn, tamen kondukis maldece kaj malĝentile en la socio.*

kiu eldoniĝis entute okdek volumoj, inter kiuj, kelkaj el la plej gravaj de la Esperanta literaturo.

Kalman Kalocsay aperigis libreton „Mondo kaj koro". Du jarojn poste debutis Baghy kun „Preter la vivo" kaj kiel rimarkas W. Auld : „ekaperas poemlibroj kiuj povus esti eldonitaj fiere en iu ajn nacia lingvo". En 1931a Kalocsay aperigas du pluajn librojn de originalaj poemoj : „Streĉita kordo" kaj „Rimportretoj" en kiuj li malkaŝiĝas kiel majstro de formo, kaj ekde tiam oni devas atendi ĝis 1956a, kiam li reaperigas poemojn : „Ezopa saĝo". Sed lia verkado, reale grava estas tiu de tradukisto. Lia laboro – kunlabore kun Gaston Waringhien – pri „La floroj de l'malbono", pri Heine kaj pri Shakespeare fiksis definitive la literaturan lingvon de Esperanto. Kiel diris W. Auld : „Kalocsay inter 1921a kaj 1939a ellaboris tutsole la tutan tradician versfaradon de Esperanto; formi ĝin en aliaj lingvoj estas plurjarcenta laboro".

Krome, la densega kultura etoso kiun li kreis ĉirkaŭ si konstituis gravan stimulon, kiu multe helpis formi kompletan generacion de verkistoj. El ĉiuj Julio Baghy, aktoro, estis la plej aktiva homo, konsiderata kiel unu el la plej gravaj verkistoj de Esperanto, ne tiom pro ia profundeco, sed pro liaj mirindaj komunikadaj kvalitoj. Liaj poemlibroj : „Pilgrimo (1926), „Migranta plumo" (1929), „La vagabondo kantas" (1933) kaj aliaj estas tre estimataj en lia lirika verkaro. Lia verkista talento plejbone manifestiĝas en : „Viktimoj" (1924), „Sur sanga tero" (1933), „Hura" (1930), bazitaj sur liaj travivaĵoj de militkaptito en Siberio dum la unua mondmilito. Tio estas la plej profunda kaj humanisma parto de lia verkaro, kvankam romanoj kaj rakonto : „Dancu marionetoj" (1931), „Printempo en aŭtuno" (1931), „Koloroj" (1960) estas ankaŭ interesaj. Lia rakonto „Kiel Mihok instruis la anglan" estas eble kaj juste, unu el la verkoj plej konataj kaj estimataj.

Unu el libroj eldonitaj de „Literatura Mondo" kaj kiu daŭre kontribuis stimuli la junulojn estis „Dekdu poetoj", antologio kolektita de Kalman Kalocsay, kie estas prezentita grupo de junaj poetoj tre similaj inter si kaj el diversaj landoj. En ĝi estas tri estonoj(1) : Hilda Dresen (1896-), mezbona poetino, kiu tamen faris notindan laboron tradukante inter aliaj verkoj la „Kalevipoeg"-on, la estonan nacian epopeon. Henrik Adamson (1891-1946) kies verko „Vesperanto" estis reeldonita en 1967a kaj Nikolajs Kurzens (1910-1959), kiu estis elstara voĉo en la Esperanta poezio, kvankam li nur aperigis unu libron „Mia spektro" (1938). Inter la naŭ ceteraj poetoj estas la anglo Brian Brice Heywood (1910-1942), kiu rakontas en magia formo kaj stilo la ĉiutagan simplecon; la aŭstro Nikolao Hovorka (1910-), tro sentimentala; la panamano Georgo E. Maŭra, kiu en 1939a aperigas la libron „Duonvoĉe", kies delikata poezio estas ege estimata. En ĉi tiu volumo, partoprenis ankaŭ la anglo L.N. Newell (1907-1968) poeto, kiu estis ankaŭ notinda rakontisto, aŭtoro de la libro „Bakŝiŝ" (1938). Ankaŭ la hispanino Amalia Nunez Dubus (1889-) kunlaboris kun „Literatura Mondo" kaj partoprenis en „Dekdu poetoj" per ŝia melankolia, eĉ kelkfoje iomete satira poezio. La aŭstro Alfred Schauhuber (1896-) montriĝis ankaŭ kiel tre melankolia poeto, kaj Ezra Clark Stillman (1907-) konvertas la poezion en amuzaĵon. La du lastaj partoprenantoj en ĉi tiu antologio estis du verkistoj tre gravaj : Ferenc Szilàgyi (1895-1967) kaj Lajos Tàrkony (1902-) ambaŭ hungaroj. Szilàgyi fondos poste en Svedio, la kulturan revuon „Norda Prismo" kaj fariĝos unu el la plej notindaj romanistoj dank'al siaj libroj : „Trans la fabeloceano" (1931), „La granda aventuro" (1945), „Inter sudo kaj nordo" (1950), „Koko krias jam!" (1955) kaj „Tiel okazis aŭ mistero minora" (1958).

Lajos Tàrkony estis precipe tradukisto kaj eseisto. Lia libro „De paĝo al paĝo" (1932) havas specialan gravecon pro la studoj pri la Esperanta literaturo.

*(daŭrigota)*

*Esperantigita de* ***Joan Ràfols Vendrell***

*1) Laŭ nia scio Nikolai Kurzens estis latvo.*






# LEGAĴO

## SETI RENKONTAS JUNULINON

La skribisto Ana estas fama rakontisto, kiun faraonido Seti invitas veni en sian kortegon en la urbo Taniso. La du homoj rompas kune pokalon, kio signifas, ke ili konsideros sin dum la tuta vivo kiel laŭspiritaj fratoj. Ana ekkonas la danĝerojn de la faraona kortego kaj ellernas, ke kiam oni tro rapide sukcesas fariĝi protektito de faraonido, oni tuj havas malamikojn. Li ĉiam sekvas Seti-n, kiel sekretario kaj sindonema amiko. La princo Seti ŝatis inkognite promenadi en la danĝeraj stratoj de Taniso. Dum tia promenado li ekkonos la junulinon hebrean Merapi-n, alinome la „Luno de Izrael". Tiu ĉi nomo estas la titolo de libro elĉerpita, verkita de Sir H. Rider, eldonita en Londono en 1928a. En LG-5 vi jam povis legi unuan legaĵon elprenitan el ĉi tiu nun ne plu aĉetebla libro.

* * *

*Post nelonge okazis jeno. Blankbarba viro kun trenîĝantaj paŝoj lom posteniĝis, kio malhelpis la marŝon antaŭen. Ĉe tio alkuris* **vokto** *kaj lin skurĝis per kruela vipo tranĉita el felo* **rosmara**. *La maljunulo sin turnis, kaj levante lignan fosilon, kiun li portis, frapis la vokton tiel fortege, ke tiu falis mortinta kun fendita kranio. Aliaj voktoj kuregis al la Hebreo (tiel oni nomis la Izraelidojn) kaj lin batis ĝis li ankaŭ falis. Tiam aperis soldato, kiu, vidante la aferon, eltiris sian glavon. El inter la amaso eksaltis junulino tre bela, kvankam nur krude vestita.*



*De tiam mi ofte vidis Merapin, alinome la Lunon de Izrael, fiere vestitan per la robo de reĝino, kaj unufoje eĉ de diino; tamen mi kredas, ke neniam ŝi aspektis pli bela ol en tiu horo de sklaveco. Ŝiaj grandaj okuloj, nek bluaj, nek nigraj, kaptis la lumon de la luno kaj pleniĝis de larmoj. Ŝiaj abundaj haroj fluis en grandaj bukloj super la neĝe blanka brusto malkaŝita de ŝia kruda vesto. Ŝiaj delikataj manoj leviĝis kvazaŭ ŝirme kontraŭ la batoj falantaj sur tiun, kiun ŝi volis protekti. Ŝia alta kaj gracila formo elstaris kontraŭ la flagrema lumo flamanta sur iu vendeja budo. Ŝi estis ja bela, tiel belega, ke mia koro kvazaŭ ĉesis bati pro la vido al ŝi; jes, mia, kiu jam delonge gastigis nenian penson pri virinoj, krom pensoj nigraj kaj malbonaj.*

*Ŝi laŭte kriis. Starante super la falinta viro ŝi petegis de la soldato kompaton. Tiam, vidinte, ke de li ŝi povas atendi nenion, ŝi rigardis ĉirkaŭen per siaj grandaj okuloj ĝis ŝi vidis la princon Seti.*

*— Ho Sinjoro, — ŝi ĝemis, — vi havas noblan mienon. Ĉu vi staros flanke, dum oni murdas mian patron senkulpan?*

*— Fortiru ŝin, aŭ mi frapos tra ŝin! — kriis la kapitano, ĉar jam ŝi sin ĵetis sur la korpon de la Izraelido. La voktoj obeis, fortirante ŝin.*

*— Haltu, buĉisto! — kriis la princo.*

*— Kiu vi estas, hundaĉo, kiu kuraĝas instrui al oficisto de la faraono lian devon — respondis la kapitano, vangofrapante la princon per la maldekstra mano.*

*Tiam rapide li frapis malsupren, kaj mi vidis la bronzan glavon trapasi la korpon de la Izraelido, kiu ektremis, tiam kuŝis senmove. Ĉio fariĝis en momento, kaj la silento, kiu sekvis, rompiĝis de lamento virina. Momente Seti sufokiĝis — pro kolerego, mi kredas. Tiam li parolis unu solan vorton — „Gvardio!"*

*La kvar Nubianoj, kiuj laŭ ordono sin tenis je distanco, trarompis la homamason. Antaŭ ol ili nin atingis, mi, kiu ĝis tiam staris konfuzite, eksaltis sur la kapitanon kaj lin kaptis ĉe la gorĝo. Li provis min piki per sia sanga glavo, sed la frapo, trafante mian longan mantelon, nur kontuzis mian maldekstran femuron. En tiuj tagoj mi estis fortega; mi ekluktis kontraŭ li, kaj ni kunruliĝis sur la tero.*

*Sekvis granda tumulto. La Hebreaj sklavoj rompis sian ŝnuron kaj atakis la soldatojn kiel hundoj ŝakalojn, batante ilin per nudaj pugnoj. La soldatoj sin defendis per glavoj; la voktoj uzis siajn ledajn vipojn; viroj kriis, virinoj kriegis. La kapitano komencis min superi; almenaŭ mi vidis lian glavon ekbrili super mi, kaj mi pensis, ke ĉio finiĝis. Sendube tiel estus, sed en tiu momento Seti mem fortrenis mian kontraŭulon, ebligante al la kvar Nubianoj lin kapti. Tiam la princo kriis per sonora voĉo :*

*— Haltu! Mi estas Seti, la filo de la faraono kaj Gubernatoro de Tanis. Vidu! — kaj li forŝovis la kapuĉon de sia mantelo tiel, ke la luno brilis sur lian vizaĝon.*

**vokto** : *kontrolisto de laboro, supergardisto.*
**rosmara** : *Mara besto parenca al fokoj.*




# LA GRAMATIK[L]A PUNKTO

## FORMIĜO DE VORTOJ

En la Lingvo Internacia la vortoj formiĝas per kombino de vortelementoj laŭ la bezono de penso kaj sento.

**KONSISTO DE LA VORTELEMENTOJ**

Oni distingas plurajn specojn de vortelementoj :
– la nevariajn (almenaŭ principe) : artikolo, konjunkcio, prepozicio, interjekcio.
– la variajn, ne memstare uzeblajn (kiuj nepre devas esti kunmetitaj) : radiko kaj finaĵo; prefikso kaj sufikso.

**RADIKO estas vort-ero kun baza signifo, kiu povas naski tutan familion da vortoj,** ekzemple : radik/o, radik/aĵo, radik/aro, radik/ato, radik/eto, radik/ilo, ek/radik/i, el/radik/igi, en/radik/igi, sen/radik/a, pivot/radik/o ktp.

**FINAĴO estas vort-ero kun gramatika signifo, kiu en la lasta parto de vorto indikas la specon, genron, nombron, kazon, tempon kaj modon,** ekzemple : /o, /a, /e, /i, /u, /j, /n, /as, /is, /os, /us...

**AFIKSO estas vort-ero, aldonebla antaŭ (prefikso), post (sufikso) aŭ interne de radiko (infikso) por modifi ĝian sencon.** (Bo/, mal/, pra/) estas prefiksoj, (/et, /il, /ul) estas sufiksoj.

**KUNMETO DE LA VORTELEMENTOJ**

Ĉiuj vorteroj povas kunmetiĝi laŭ la bezono de iliaj signifoj.

§ En la formiĝon de vorto oni enkonduku ĉiujn radikojn, afiksojn kaj finaĵojn necesajn por elvoki klare kaj plene la ideon reprezentatan de la vorto – (PRINCIPO DE NECESO).

§ Se la ideo tiel esprimita estas jam bone komprenata el la kunteksto sen tiu aŭ alia sufikso aŭ prefikso, ĉi tiuj afiksoj povas esti elĵetataj kiel superfluaj kaj neutilaj – (PRINCIPO DE SUFIĈO).

**Karaktero de la vortelementoj.** – Laŭ sia baza signifo vortelemento akiras vortspecan karakteron, kiu interalie fiksas la formon de la unua familia baza vorto.

PATR/ (etimologie : -tr sufikso, aganto; pa- verbo, nutri), ulo, kiu nutras, viro generinta idon, ĉi tiu radiko elvokas estulon, tial ĝi ricevas substantivan karakteron, kaj la unua vorto estas patr/o, nek patr/ul/o, nek patr/ant/o!

BEL/ rilatas al la plezura admiro, kiun provokas kvalito de iu aŭ io; la radiko ricevas adjektivan karakteron, kaj la unua vorto estas bel/a nek bel/o, nek bel/i!

AG/ elvokas la ideon montri forton aŭ kapablon, la radiko tial ricevas verban karakteron, kaj la unua vorto estas ag/i, nek ag/o nek ag/a.
K o n s e k v e n c e : estas konsilinde lerni la radikojn kun la karaktero, kiu memorigas la formon de la unua vorto, tiel gravan por la derivaj vortoj! Efektive, se anstataŭ patr/o la unua estus patr/a, tiam la patra estulo estus patr/ul/o, kaj se ĝi estus patr/i, la estulo estus patr/ant/o.
Se anstataŭ bel/a la unua estus bel/i, tiam la bela estulo estus bel/ant/o.
Se anstataŭ ag/i la unua estus ag/a tiam la aganta estulo estus ag/ul/o ktp.

**Analizo de vortkunmeto** – Kiam du aŭ pluraj elementoj kunmetiĝas, oni distingas unu ĉefelementon rilate al aliaj flankelementoj. Nu, se la ĉefelemento estas substantiv-karakteriza, ĝi substantivigas la flankelementojn : urbodomo = domo de urbo.
Se la ĉefelemento estas adjektiv-karakteriza, ĝi ankaŭ substantivigas la flankelementojn : ĉielblua = kun bluo de ĉielo.
Se la ĉefelemento estas verb-karakteriza, ĝi adjektivigas aŭ adverbigas la flankelementojn : kunpremi = premi kuna; kunludi = ludi kune.

J T

# LA DEKERARA TEKSTO SENERARIGITA

*Sed tio estis nur la komenco. Ĉar la eksdeputito montris nenian penton, aŭ bedaŭron, eĉ pli, li vivis la plej skandalan* ***vivon****. Li alparolis sur la strato* ***honestajn edzinojn****, esperimante siajn dezirojn per la plej senkaŝaj vortoj. Eĉ la survangoj de la edzoj ne povis lin resaĝigi. Fine la* ***policistaro*** *ekkaptis lin kaj la justicministro ordonis enkarcerigi lin ĝis la* ***venontaj*** *instrukcioj.*
*Kaj ne nur tiuj ĉi du kazoj plialtigis la ekscitiĝon de la registaro. Ĉiuj „kuracituloj" vivis simile malmoralan vivon. Ili forlasis* ***siajn*** *edzoparulojn kaj gefilojn, vestiĝis skandale kaj – kio estis la plej danĝera trajto – la patriotismo tute* ***neniiĝis*** *en ili. Ili dizertis el la militservo. Vane ili estis pendigitaj, ili paŝis tute senemocie al la* ***pendigilo*** *kaj la fortimiga* ***ekzemplo*** *tute ne povis obeigi la ceterulojn. Same cinike ili kondutis en la tuta publika vivo : ne estimis la superulojn kaj kvankam bone ili faris siajn labordevojn, tamen* ***kondutis*** *maldece kaj malĝentile en la socio.*

# PANEO

- Ĉu la aŭtomobil'o'j kapabl'as el'ten'i la eg'a'n dezert'a'n varm'ec'o'n?

- Jes, se oni est'as tre sin'gard'em'a. Se ne, pov'as ek'okaz'i tre mal'agrabl'a'j pane'o'j. Ekzempl'e okaz'is al mi difekt'iĝ'o de rapid'um-skatol'o, en Malio, inter Gao kaj Mopti.

-Ĉu vi est'is ver'e en la dezert'o, aŭ est'is vilaĝ'o kun garaĝ'o sufiĉ'e proksim'e?

- Mi est'is ĉe la lim'o de la dezert'o, la plej proksim'a garaĝ'o est'is ebl'e je 200 kilometr'o'j. Sed la pane'o ne total'e sen'mov'ig'is mi'a'n Landrover'on. Simpl'e mi ne plu hav'is du'a'n rapid'um'on. Mi limak'e vetur'is ĝis Mopti. Tie mi lu'pren'is dom'o'n kaj mi komenc'is mal'munt'i la rapid'um-skatol'o'n por ekzakt'e ek'sci'i kio fuŝ'iĝ'is. Tem'is pri dent'rad'et'o de la du'a rapid'um'o. La ĉef'a problem'o ne est'is kiel ripar'i, sed kiel el'trov'i la pec'o'n.

-Ĉu do ne ekzist'is garaĝ'o?

-Jes ja, sed ili ne hav'is la bezon'at'a'n dent'rad'et'o'n. Post kelk'a'j tag'o'j la polic'o elpel'is mi'n el la dom'o, ĉar est'as mal'permes'it'e al turist'o lu'pren'i dom'o'n. Ankaŭ oni ne rajt'as tra'nokt'i en sia vetur'il'o apud urb'o. Hotel'o ekzist'is, sed la prez'o de tra'nokt'ad'o est'is po 10000 Mali'a'j frank'o'j, tio est'as ĉirkaŭ po 15 eku'o'j. Tro alt'a prez'o por mi!

-Do kio'n vi pov'is far'i? Via Landrover'o est'is dis'met'it'a, vi ne pov'is for'ir'i kaj vi ne rajt'is rest'i.

(DAŬRIGOTA) **Edgar.**

# NI PAROLU PRI ...

## VIANDOJ EL ŜAFO




La ŝafaĵon oni pli ŝatas en la islama mondo ol en la kristana. En Eŭropo oni iom timas la odoron de la ŝafa viando, kaj pro tio oni ofte preferas ŝafidaĵojn. Kiam okazas festoj, oni preparadas grandajn pecojn : **femuraĵon, kvadraton** (kiu estas la 13 ripaĵoj kunkuiritaj, aŭ se oni volas **kovritan kvadraton,** la kvin unuaj ripaĵoj, kaj se oni volas **malkovritan kvadraton,** la ok lastaj ripaĵoj). Dum araba festo ne miru se, pro amikeco, oni metas per fingroj rekte en vian buŝon bongustan **ŝafgrasaĵon,** aŭ se vi estas honorinda parenco de la dommastro, **duonkuiritan okulon.** En Eŭropo, pli humile, oni ofertas al vi **ŝafraguon, ŝafrostaĵon,** aŭ eĉ **ŝafbolitaĵon.** Se vi vojaĝadas en Francio ne forgesu gustumi **farĉitan ŝafbrustaĵon** aŭ **ŝafofemuraĵon kun kaporberoj,** en Hispanio, **ŝafidaĵon kun Kseresvino,** en Mediteraneaj landoj, faman, bone spicitan **kuskuson,** en Hungario kaj apudaj landoj, **ŝafpaprikaĵon.** Se vi ne rajtas manĝi spicitajn pladojn, vi preferu alian viandon ol ŝafaĵon, aŭ manĝu ŝafaĵon rostitan sur stango : **kebabon.** Eble vi preferos tutan ŝafon rostitan super braĝoj : **meŝujon.** Ambaŭon vi trovos en arabaj landoj.